# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

37a jaro    marto-aprilo 1985    N-ro 2



**Kongresejo de la 37a IFEF-kongreso en Vejle, Danlando**

## REDAKTORA BABILO

Por la unua fojo esti en centra pozicio de LKK ne estas facila kaj ripoziga afero.

Io suferas pro tio.

La redaktado de IF estas bedaŭrinde unu el tiuj faroj, kiuj suferas prokraston kaj malfruiĝon.

Tial nur nun vi vidas la numeron 2 de la jaro 1985.

Ok el ĝiaj paĝoj temas pri organizaj aferoj, kio povus tedi kelkajn legantojn, sed kio tamen estas necesa kaj interesa parto de la fervoja Esperanto-laboro, do grava al ni ĉiuj.

Provu foje legi ankaŭ tiujn paĝojn!

La vintro de la norda hemisfero ŝajnis longa kaj iom peza. Espereble niaj sudhemisferaj kolegoj ĝuis same longan kaj belan someron.

Plej multaj el niaj legantoj estas eŭropanoj, sed feliĉe troviĝas en ekster-eŭropaj landoj ricevantoj de IF, kaj se iu el vi legas ĉi tiujn liniojn, vi sciu, ke la redakcio tre volonte akceptos noticajn novaĵojn de via lando, via regiono - precipe kompreneble pri via transportsistemo, fervojo ktp.

Nur la pensoj kaj la poŝto metas limojn al nia agado.

Gis.

Red

## ĜENERALA PREZIDANTO DE FISAIC ENIRIS IPK DE LA JUBILEA JARO

Laŭ peto de la IFEF-prezidanto la ĝeneralprezidanto de FISAIC, (Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj), s-ro Gilbert Schmit, Luxembourg, deklaris sin preta eniri en la "Internacian Patronan Komitaton", starigitan konekse al la Jubilea Jaro de Esperanto 1987. Celo de tiu komitato estos, mondvaste atentigi al la graveco de tiu jubileo. Al la IPK estas invititaj nur altrangaj reprezentantoj de ŝtatoj, sciencoj, organizoj k.s. Jen la tradukita respondo de s-ro Schmit:

"Tre estimata sinjoro Giessner,
Rilate al via skribaĵo de 19.8.84, en kiu vi petis min fariĝi ano de la Internacia Patrona Komitato de UEA, mi sciigas al vi, ke mi volonte konsentas."

---

## DU NOVAJ BROŜUROJ EN LA INTERNACIA LINGVO ESPERANTO

Unu el ili eldoniĝis de Norvega Ŝtata Fervojo (Norges Statsbaner), Informasjonskontoret, Storgaten 33, N-0184 Oslo 1, kaj la titolo estas: Vojaĝu kun ĝojo per Norvega Ŝtata Fervojo. Laŭ peto al la eldoninto oni senpage ricevas ĝin.

La alia broŝuro temas pri la Fervojmuzeo en la urbo Hamar. Tiu broŝuro aperis en kvar lingvoj: norvega, angla, germana kaj en Esperanto.

Bedaŭrinde oni ne evitis preseraron; la muzeo dumvintre estas fermita dum dimanĉoj sed en la broŝuro estas menciita la malon, nome ke ĝi dum la vintra sezono estas malfermita dum dimanĉoj. Tiuj kiuj deziras la laste menciitan broŝuron, skribu al: Jernbanemuseet, Postboks 248, N-2301 Hamar, Norvegujo, de kie oni senpage alsendas ĝin.

---

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretariejo:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst
**Redaktoro:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
**Poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj)
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn
**Svisa poŝtĉekkonto:** Ch 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev




# 37a IFEF-kongreso 17a-23a de majo 1985

# Vejle Danlando

## AL NORDIO EN MAJO

### Argumentoj

Kvankam por multaj el la legantoj de IF maja vojaĝo norden signifas fuĝi la printempon, ni tamen rekomendas iron al la 37a IFEF-kongreso. Ekzemple pro jenaj kaŭzoj:

- vi iros al helverda printempa belo. La arbaroj ĉirkaŭ la kongresurbo brilos en kaskado de verdaj nuancoj. Precipe belas la fagoj, da kiuj troviĝas miloj kaj miloj,

- la longa valo norde de la kongresurbo, "Grejsdalen" estas miraĝo de Paradizo. Siatempe la akvo de la degelanta glacio fosis longegan valon, kies fina parto nun estas la 25 km longa fjordo de Vejle,

- la dana biero estas fama en la tuta mondo, kaj bongustas ne nur la biero de la du gigantaj farejoj "Carlsberg" kaj "Tuborg". Ankaŭ lokaj bierfarejoj produktas gustumindajn trinkaĵojn,

- dum la tuttaga ekskurso la kongresanoj traveturos la "Fuenajn Alpojn", montetan regionon, kiu altas ĝis 128 m - ni ripetas: cent dudek ok metrojn!

- Nordio estas angulo de Eŭropo, kies socia sistemo estas evoluinta, kaj kie ŝanĝoj kutime okazas en paca kaj trankvila maniero, kie la lingvo origine estis la sama - escepte de la finna -, kaj kie ni ĉiam familie intermilitis, en la nuntempo tamen precipe sur la piedpilka areno,

- siatempe la vikingoj vivis en la nordiaj landoj, kaj de tie ili negocis - ofte en iom speciala maniero - kun la loĝantoj de plej multaj eŭropaj regionoj. Ĝuste en la kongresurbo kaj ties ĉirkaŭaĵo estis en la vikinga tempo grava regada centro, pri kio atestas du runoŝtonoj en urbeto Jelling, 12 km de Vejle,

- la kongresurbo posedas la ĉarmon kaj idilion de negranda urbo,

- la eblecoj por privataj ekskursetoj dum la liberaj horoj de la kongreso estas multnombraj, kaj la vendejoj de la urbo estas variaj, riĉenhavaj kaj ne tro karaj.



# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 37A IFEF-KONGRESO

**Kunsido Estraro/Komitato (nepublika)**

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Elekto de ĉefkomitatano
3. Jubilea jaro 1987
4. Diskuto budĝeto 1986
5. Diskuto kotizproblemoj
6. Diskuto kongresproponoj
7. Diskuto pri venontaj kongresoj
8. Situacio en kelkaj landoj
9. Eksteraj rilatoj
10. Konfirmo de elektoj en TK kaj FK
11. Eventualaĵoj

\- - - - -

**Plenkunsido en du partoj**

(publika, multnombra ĉeesto dezirata)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Informo pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
4. Raportoj estraraj
   - 4.1 de sekretario
   - 4.2 de redaktoro
   - 4.3 de kasisto
5. Protokolo Slanĉev Brjag
6. Konfirmo de la invito al la 38a kongreso
7. Raporto de la ĉefkomitatano
8. Raportoj de la komisionoj kaj komisiitoj
   - 8.1 Terminara Komisiono
   - 8.2 Fakprelega Komisiono
   - 8.3 Koresponda Servo
   - 8.4 Komitatano de UEA
9. Resumo pri raportoj landaj asocioj
10. Kongresproponoj
11. Laborplano
    - 11.1 Enketo laborkondiĉoj de fervojistoj
    - 11.2 Centjara jubileo 1987
    - 11.3 Internacia afiŝo
12. Resumo pri la situacio en diversaj landoj
13. Budĝeto 1986 kaj kotizkonfirmo
14. Diskuto pri kotizsistemo
15. Elekto de revizoroj
16. Rilatoj al aliaj organizoj
    - 16.1 UEA
    - 16.2 FISAIC
17. Venontaj kongresoj
    - 17.1 Elekto de lando por 1987
    - 17.2 Diskuto de pluraj eblecoj
18. Internacia Skisemajno 1986
19. Libera diskutado

\- - - - -

**Kunsido de la Fakprelega Komisiono**

1. Demandoj/respondoj pri la prezentita:
   1.1 fakprelego: Eksterordinaraj transportoj
   1.2 fake: Aktualaĵoj el via lando
2. Raporto de la pasinta laborperiodo
3. F.K.-funkciado, -statutoj kaj -laboro estontece
4. Kontakto kun kunlaborantoj por la 38a kaj 39a pri prelegotemo, ktp
5. Elekto de:
   5.1 komisiongvidanto
   5.2 komisionsekretario
6. Libera diskuto

Gunnar Thuesen, gvidanto

- - - - -

**Kunsido de la Terminara Komisiono**

1. Elekto de gvidanto kaj sekretario de TK kaj redaktoro de Teku
2. Perfektiga laboro de nia LG-traduko per korektolistoj
3. Kion novan enhavos LG IV, kion ĝi ne plu enhavos?
4. Traktado de problemterminoj

Gernot Ritterspach, sekretario

Kompilis ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter

## KONGRESPROPONOJ

**Propono n-ro 1.** IFEF-Membrokarto

FFEA proponas: IFEF eldonu membrokarton, kiun ĉiu landa sekcio plenumos kaj sendos. Estas necese eldoni ankaŭ jaran glumarkon. Cele konigi nian Federacion, ĉiu landa sekcio aperigos artikolojn rilate al la diversaj avantaĝoj aliĝi ĉe Internacia Federacio.

**Komentario:** Pagante sian IFEF-kotizon, pluraj FFEA-anoj petas la membrokarton de la Federacio!

Fakte la plimulto de la membraro de la naciaj IFEF-sekcioj scias ĉu nemulton, ĉu nenion pri IFEF.

Cele konigi nian Federacion kaj instigi aliĝi ĉe IFEF, estas necese ke la membreco al la Federacio estu konkretigita per membrokarto kaj jara glumarko, same kiel oni faras ĉe preskaŭ ĉiuj federacioj.

Oni atentigos la naciajn membrojn pri la diversaj avantaĝoj aliĝi ĉe IFEF kaj interalie pri la fakto ke la ne-posedantoj de tiu membrokarto pagos la plej altan aliĝokotizon al la IFEF-kongresoj (escepte la familianoj).

La eldono de tiu IFEF-membrokarto ne rezultigos gravan elspezon de IFEF kaj certe alportos pli da membroj al nia Federacio, kiu pere de tiu oficiala dokumento montriĝos pli reala kaj pli vigla.

**Propono n-ro 2.** Subvencio por la eldono de la TK-terminaro

NEFA proponas: La multjara laboro pri tradukado de la UIC-terminaro nun iras al la fino, sed pro manko de monrimedoj IFEF ne povas fini tiun laboron tiel frue kiel oni dezirus.

Por ke tiu laboro kiel eble plej baldaŭ povas finiĝi, la estraro de

NEFA proponas ke la landaj asocioj pagu 2 sv. frankojn po membro po jaro ĝis IFEF havos la necesan sumon eldoni la terminaron.

**Propono n-ro 3.** Peticio por uzo de Esperanto en fervojaj administracioj

JAFE proponas: Pridiskuti eblecon (kaj sencon) kolekti subskribojn por la peticio transdonota al Internacia Fervoja Unio (UIC) kun la celo ke ĝi rekomendu al fervojaj administracioj uzon de Esperanto kiel fakultativa labora lingvo (ekzemple, en LGTF, por surskriboj en pasaĝervagonoj aŭ stacioj aŭ horarlibroj k.s.). La kolektado povus okazi inter la 37a kaj la 38a IFEF-kongresoj, transdono ĝis la fino de la jaro 1986 kaj publikigo de eventuala pozitiva decido en la jubilea jaro 1987. Pri aliaj detaloj de tiu aktiveco oni povus decidi dum la 37a kongreso en Danlando.

**Komentario:** Ni estas konvinkitaj ke aprobo de tia kongrespropono havus grandan pozitivan influon sur la aktiveco de ĉiuj landaj sekcioj de IFEF en sekvontaj jaroj. Kompreneble ĝi havus ankaŭ grandan propagandan efikon ĉar pri ĝi oni skribus en ĉiuj gazetoj (fervojaj kaj aliaj).

La ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter

## FAKAJ PREZENTADOJ EN LA 37A IFEF-KONGRESO

Menciindas, ke en la baldaŭa kongreso en Vejle okazos 4 fakaj prezentadoj/kunvenoj, kiuj tre diversas unu de alia.

La rezulto de la ĉi-jara kunlaboro LKK-FK estas jenaj kvar kunvenoj:

1) NORDIA PREZENTADO

El la kvar gastigantaj landoj Finnlando, Norvegio kaj Svedio havas je dispono ĉ 20 minutojn por prelegeti kaj montri diapozitivojn pri nuntempaj, aktualaj temoj.

La kvara gastiganta lando, Danlando, prezentos la fakprelegon. (Punkto 2).

2) Fakprelego:
EKSTERORDINARAJ TRANSPORTOJ
Planado helpe de komputero.

Per la fakprelego vi ekscios, kiel plani transportadon de kargo kun granda volumeno aŭ pezo, kaj plie - kiel okazas la antaŭlaboro por trovi ekz ĝustan pramon, trafikeblajn trakojn ktp. Ĉie estas risko, se transporto estas ekster la permesita ŝarĝprofilo, kaj esceptigoj necesas por okazigi la transportadon.

Esceptigi signifas ankaŭ: preni sur sin respondecon. Por celi ĝustajn disponojn helpas nova DSB-komputera sistemo. Pri ties evoluigo kaj funkciado temas parto de la fakprelego.

Per serio da diapozitivoj ni sekvas transportadon de transformatoro tra Danlando. Kompreneble solvado de malfacilaj situacioj estas grava enhavo de tiu ĉi prezentado.

3) AKTUALAĴOJ EL DIVERSAJ LANDOJ

Kontribuantoj el diversaj landoj havas je dispono tre limigitan tempon = 8-10 min. Se via lando ankoraŭ ne elektis temon, prezentota en la kunveno, tiam vi havos la ŝancon informiĝi pri aktualaĵoj de aliaj landoj. FK tamen atendas reagon de ĉiu landorganizaĵo.

4) KUNSIDO FK

Krome oficiala tagordo estas aliaj diskutindaj punktoj. Se vi deziras informiĝi, diskuti, kritiki, helpi kun bona(j) ideo(j), sciiĝi pri fakaj prezentadoj en la 38a, 39a ktp, tiam la kunveno vere partoprenindas.

FK kaj LKK invitas al fakenhave riĉa kongreso.

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI 1984

**Antaŭrimarkigo**
Kiel kutime nia raporto havas ĉiam proksimume la saman skemon. Pro tio la interesita leganto povas pli facile kompari la raportojn el la diversaj jaroj. Urĝe ni rekomendas, ke vi ankaŭ studas la resumon pri la landaj jarraportoj (IF 5/84).

**Niaj mortintoj**
Ni eksciis pri jenaj personoj, kiuj por ĉiam forlasis nin:

| | |
|---|---|
| Britio: | Frank M. Easton |
| Bulgario: | Stajko Pisarov |
| Ĉeĥoslovakio: | František Svaĉina |
| Germanio: | Josef Ballo, Otto Denk, Dora Fehmel, Hans Leng, Ernst Schilz, Luise Schramm |
| Italio: | Prof-ino Rosa Naudente |
| Nederlando: | P.L. Hessing, R.F. Lammens. |

Ili trovu eternan pacon!

1. **Membrostato**
Pri ĝia evoluo bonvolu informiĝi el la raporto de la kasisto sur paĝo 26.

2. **Interna laboro**

2.1. **Estrarkunvenoj**
La estraro kunvenis dufoje (krome en la kongreso), nome en Næstved (DK) en Marto kaj Lübeck (D) en Oktobro. Partoprenis la kompleta estraro, krome la ĉefkomitatano kiel gasto. La tre ampleksaj tagordoj estis traktitaj en amika atmosfero.

2.2. **Ĉefkomitatano**
Li forsendis unu cirkuleron kun la kutima demandilo, por ke la landaj asocioj povu starigi siajn jarraportojn por resumo verkota de la vicprezidanto.

2.3. **Vizitoj**
Ankaŭ en 1984 ĉeestis la estraranoj en kelkaj naciaj kaj internaciaj aranĝoj. La prezidanto vizitis dufoje Pollandon, i.a. pro preparaj konferencoj kun LKK de la IFEF-kongreso 1987. Kun LKK-anoj li vizitis la polan ministron por transportoj. Ankaŭ li vizitis Bulgarion (Julio), Turkion kaj Svision, krome partoprenis en 3 kunsidoj de LKK Augsburg (70a UK). La vicprezidanto kaj kasisto partoprenis la svedan jarkunvenon. Krome vizitis la vicprezidanto Finnlandon. La redaktoro partoprenis la GEFA-jarkunvenon. La kasisto ĉeestis en la ĝenerala asembleo de FISAIC en Sorento (I).

2.4. **Evoluo en kelkaj landoj**
En Pollando la promesplena evoluo daŭras (komp. IF 6/84). Ankaŭ en Jugoslavio, kiu organizos la 38an IFEF-kongreson, ekestas nova vivo. En Ĉeĥoslovakio, kie en Junio 1984 fondiĝis Fervojista Sekcio de la Slovakia Esperanto-Asocio, bedaŭrinde ne estas ekkoneblaj signoj por kunlaborado inter la ĉeĥa kaj nova slovaka fervojistaj sekcioj. En Bulgario evidente la aktivecoj koncerne al FISAIC glitas el la manoj de la esperantistoj al aliaj kulturaj grupoj, verŝajne kaŭzita pro tio, ke laŭ neoficialaj informoj ŝajne nova estraro transprenis la gvidadon. La korespondado kun Ĉinio montras signojn pri estontaj rezultoj.

3. **Laborplano**

3.1. **Enketo pri laborkondiĉoj**
Intertempe ni publikigis la enketon. Ĉar la respondoj pri punkto 8 ne donis kontentigan rezulton, ni petis laŭ propono de niaj svisaj kolegoj niajn asociojn, sendi denove respondojn laŭ alia sistemo (la bazo ne estu la valuto, sed la labortempo).

3.2. **IFEF-Historio**
La tre ampleksa laboro por verkado de la Historio estas finita. Intertempe ĉiu IFEF-membro

ricevis senpage la broŝuron. Restantaj ekzempleroj estas riceveblaj kontraŭ 6 germanaj markoj aŭ kontraŭvaloro (inkl. sendkostoj) aŭ 6 int. respondkuponoj ĉe Joachim Giessner, An der Nicolaischule 3, D-3420 Herzberg. Ĝiru la monon al ties poŝtĉekkonto 531 16-307 Hannover. Indiku la vorton "Historio".

3.3. **Koresponda servo**

La servo funkcias bone. Ni povas nur rekomendi, ke multaj membroj uzu tiun servon.

3.4. **Jubilea Jaro**

Ankaŭ IFEF intense laboras por sukcesa aranĝo de la Jubilea Jaro (1987). Ni esperas, ke IFEF povos eldoni la fervojan terminaron, se kelkaj obstakloj ĝis tiam povos esti venkataj kaj se la financigo funkcios.

La IFEF-kongreso 1987 okazos en la lando de Zamenhof, nome en Pollando.

3.5. **Literatura Konkurso**

Okaze de la lasta kongreso en Bulgario ni ne aranĝis literaturan konkurson. Sed en Vejle ĉio por la nova konkurso "Bonvojaĝu" estos preparita kun denove prifervoja temaro. Ni esperas, ke tiu grava evento estos same sukcesplena kiel la lastpasinta.

3.6. **Junularo**

Bedaŭrinde la situacio ne estas bona. Precipe en la okcidentaj landoj preskaŭ ne montriĝas eblecoj, revivigi la junularan sekcion. En la socialismaj landoj la situacio estas pli esperplena.

3.7. **Terminara laboro**

La Terminara Komisiono laboras diligente en la lastaj jaroj. La membroj de la komisiono staras nun preskaŭ antaŭ la fino de la grandega laboro. La tradukoj devas iri konforme al la eldono de la UIC-terminaro.

3.8. **Fakprelega Komisiono**

Kiel en la lastaj jaroj ankaŭ por la kongreso Slanĉev Brjag la komisiono reviziis la fakprelegon. Ankaŭ la nova programero "Aktualaĵoj el diversaj landoj" (ĉi-foje 11) denove fariĝis granda sukceso. Multaj revuoj raportis pri tiu interesa aranĝo.

4. **Aranĝoj**

4.1. **IFEF-skisemajno**

La 25a IFEF-skisemajno 1984 okazis en Maria-Alm (A). Partoprenis 80 personoj el 8 landoj (28.1.-4.2.).

4.2. **IFEF-kongreso**

La 36a IFEF-kongreso okazis de 12a ĝis 18a de Majo 1984 en Slanĉev Brjag (BG). En tiu grandega kongreso partoprenis pli ol 900 personoj el 23 landoj. Jen kelkaj gravaj programeroj:

a) En la inaŭguro partoprenis la bulgara ministro por transporto, s-ro Vasil Canov. Li ankaŭ akceptis kaj regalis vespere ĉiujn kongresanojn.

b) En la kongreso partoprenis gravaj personoj de la ŝtato, fervojo kaj sindikato.

c) Du forte frekventitaj gazetkonferencoj en Sofia kaj la kongresloko zorgis por kompleta informado en la tuta lando.

d) Fakuloj filmis la tutan kongreson. Nun ekzistas bonega kolorfilmo (35 min).

e) La kulturaj aranĝoj kaj la turista programo estis eksterordinaraj.

5. **Eksteraj rilatoj**

5.1. **UEA**

La kunlaborado kun UEA estas bonega. Dum la lasta UK en Vankuvero (Kanado) okazis fervojista kunveno. La gvidanto de la kunveno, komitatano A de UEA István Gulyás (H), raportis pri la IFEF-kongreso Slanĉev Brjag.

La indikoj en la UEA-jarlibro 1985 estos pli ampleksaj ol ĝis nun.

Forte kunlaboris GEFA por la preparado de la 70a UK Augsburg. Fervoja giĉeto en la kongresejo estas planata.

5.2. **FISAIC**

La rilatoj FISAIC/IFEF estas agrablaj. Ĉiam FISAIC montras grandan intereson por nia laboro. En la 36a IFEF-kongreso FISAIC estis reprezentita de s-ro Petek (YU).

**Fino**

Ni esperas, ke la legantoj havas komprenon, ke tiu raporto povas doni nur superrigardon. Ni ĝojus, se ĝi instigus multajn membrojn por pli aktiva kunlaboro en IFEF. En la lasta jaro ekzistas IFEF jam 75 jarojn. Ni ĉiuj povas nur esperi, ke ĝis la 100jara naskiĝjaro IFEF restos forta federacio kaj ni denove havos viglan junularsekcion.

Lindhorst, en Februaro 1984
Otto Rösemann

---

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1984

| **Enspezoj:** | DKK | **Elspezoj:** | DKK |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 44679,42 | Internacia Fervojisto | 23596,08 |
| Junulara fonduso | 239,75 | Estraro | 3211,70 |
| Historio fonduso | 1551,15 | Administrado | 3278,25 |
| Donacoj skribmaŝino | 4723,75 | Reprezentado | 587,95 |
| Pruntoj skribmaŝino | 9270,25 | Kotizoj | 623,98 |
| Rentoj | 743,57 | Junulara fonduso | 239,75 |
| | | Historio fonduso | 1551,15 |
| | | Historio fonduso likvido | 4367,08 |
| | | Skribmaŝino | 13635,49 |
| | | Deskribo inventaro | 2390,77 |
| Enspezoj entute | 61207,89 | Elspezoj entute | 53482,20 |
| | | Plienspezoj | 7725,69 |
| | 61207,89 | | 61207,89 |

## BILANCO JE LA 31.12.1984

| **Aktivoj** | DKK | **Pasivoj** | | DKK |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 125,07 | Kongresa garantia fonduso | | 11162,27 |
| Poŝtĝiro | 8684,13 | Junulara fonduso | | 2485,45 |
| Bankkontoj | 20383,67 | Ŝuldoj | | 9270,25 |
| Inventaro | 9563,08 | Havaĵo 1.1.1984 | 8112,29 | |
| | | Plienspezoj 1984 | 7725,69 | |
| | | Havaĵo 31.12.1984 | | 15837,98 |
| | 38755,95 | | | 38755,95 |

**MEMBROSTATO 1984:**

| Lando | Membronombro 1983 | 1984 | Lando | Membronombro 1983 | 1984 |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 178 | 133 | Hispanio | 182 | 182 |
| Belgio | 50 | 50 | Hungario | 201 | 201 |
| Britio | 30 | 30 | Italio | 133 | 108 |
| Bulgario | 70 | 70 | Japanio | 16 | 16 |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | 22 | Jugoslavio | 60 | 60 |
| Danio | 65 | 60 | Nederlando | 50 | 46 |
| Finnlando | 19 | 15 | Norvegio | 75 | 75 |
| Francio | 230 | 227 | Pollando | 40 | 40 |
| Germanio | 802 | 782 | Svedio | 105 | 100 |
| | | | Svisio | 74 | 75 |
| | | | Individuaj | 7 | 8 |

La kasisto

## RAPORTO DE LA REDAKTORO PRI LA JARO 1984

Certa seniluziiĝo pri propra kapablo eniris la internon de la redaktoro dum la pasinta jaro. Multaj pensoj kaj ideoj ne transformiĝis en videblan rezulton.

La jaro 1984 estis la 75a jaro de fervojista Esperanto-laboro, kaj nur en limigita grado Internacia Fervojisto celebris tiun eventon.

La kutimaj 6 numeroj kun 96 paĝoj aperis pli-malpli laŭ la kutima eldonritmo, kaj ĝojiga fakto estas, ke kelkaj fidelaj kunlaborantoj liveris amason da materialo, tiel ke estis eble aperigi multe da fervojaj informoj.

Ni tre kore dankas pro ĉiu alsendita materialo, kaj petas pri daŭrigo kaj eĉ kresko de tia agado. Kelkfoje daŭras iom da tempo, antaŭ ol ni aperigas la alsenditajn artikolojn kaj noticojn, kaj vi certe ofte pensas, ke vi mem juĝus alie pri prioritato ktp, sed eĉ redaktoro povas (ofte?) erari!

La numero 3 de la 36a jareldono de IF enhavis la rezulton de la enketo pri laborkondiĉoj de fervojistoj. Kvankam ĝi enhavas etajn neĝustaĵojn, ĝi liveras tre interesan materialon kaj eblecon por kompari inter la diversaj landoj. Siatempe ni presis ekstran stokon de la numero 3, tiel ke ekzempleroj haveblas ĉe la redakcio kontraŭ pago de afrankkostoj. Niaj svisaj kolegoj tradukis la tekston en la germanan. Imitinda ago.

La laboro pri la 37a IFEF-kongreso far i a la redaktoro ne povis ne influi al la redakta laboro. Mi petas vian komprenon pri tio.

Fine: dankon pro ĉia apogo kaj fido.

La redaktoro

## FERVOJA KORESPONDADA SERVO

Senhezite enskribiĝu vin ĉe **Fervoja Koresponda Servo (F.K.S.)**, J. Demissy, 18 avenue du Lieutnant Bourguignon, F-55600 Montmedy.

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn) por ĉiu dezirata korespondadreso.

Ĉiu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

## DE NIAJ LANDAJ ASOCIOJ

### Raporteto el Hungario

Laŭ invito de la Fervojista Fako de Hungara Esperanto-Asocio, nia landa asocio en Hungario, la prezidanto de IFEF ĉeestis la hungaran jarkunvenon la 26an de Januaro en Budapest. Kiel ĉiam en Hungario la gastama prizorgado estis perfekta, bonfartiga. Dankon pro ĉio.

La esenca fakto de hungaraj jarkunvenoj estas ilia pure labora karaktero. Plena estis la salono en la kunvenejo, kie kolektiĝis la estroj kaj membroj de la lokaj societoj kaj la asocia estraro sub gvidado de sia multjara prezidanto D-ro István Bácskai. Aŭdiĝis post la Esperanto-himno la enhavoriĉa jarraporto pri la agado de la landa asocio, kiun sekvis la raportoj de la lokaj societoj. Resume oni povas diri, ke la komuna laboro de la hungaraj kolegoj donis fruktojn kaj fiere la raporto povis mencii, ke nun la Fervojista Fako havas 1000 membrojn, el kiuj (pro konataj kaŭzoj) 215 povas esti IFEF-membroj. Kiel agnoskon por sindona klopodado vico da meritplenaj gekolegoj sub granda aplaŭdo ricevis libropremiojn.

IFEF-prezidanto Joachim Giessner salutis nome de la federacia estraro kaj ankaŭ nome de la germanaj gekolegoj. Li substrekis la gravan rolon de la hungaroj en la vivo de la federacio kaj en ties historio. Du plej gravajn taskojn por la esperantistoj li skizis, nome pludoni la Internacian Lingvon al postaj generacioj kaj antaŭzorgi por niaj infanoj kaj genepoj, konservante la teron vivinda. Salutis ankaŭ reprezentantoj el Aŭstrio, Germana Demokrata Respubliko kaj Jugoslavio.

Menciinde estas, ke la hungaroj kreis eblecojn por du gravaj konferencetoj. Sekve la IFEF-prezidanto kune kun d-ro Bácskai, vicprez. István Gulyás kaj sekretario János Patay povis viziti la vicĝeneraldirektoron de la Hungaraj Stataj Fervojoj (MAV), s-ron Béla Szemök kaj la ĝeneralsekretarion de la Fervojista Sindikato, s-ron Ferenc Koszorus. Ambaŭfoje la kunvenoj okazis en plej amikeca atmosfero kaj montris la afablan helpemon de tiuj gvidantoj de plej altrangaj instancoj. Apartan dankon al ili. Kaj la plej impona estas, ke en tiaj kunvenoj ne temas nur pri vortoj, sed - kiel konate - sekvas faktoj.

Gi

### Jafe (Jugoslavio)

Jugoslavia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj (JAFE) okazigas la 13an de aprilo en Ljubljana jubilean (30-an) jarkunvenon. Tiuokaze oni ankaŭ celebros 60 jarojn de organizita Esperanto-movado ĉe Jugoslaviaj Fervojoj, ĉar la unua societo estis fondita en Zagreb 1925. Al tiu jubilea festo oni invitos ankaŭ najbarajn IFEF-sekciojn kaj prezidanton de IFEF. La programo estas tre abunda.

La 1an de majo 1985 aperos nova Konvencio pri internacia fervoja trafiko (COTIF) kaj ĝisnunaj konvencioj CIV kaj CIM fariĝos ĝiaj aneksoj (regularoj). JAFE prizorgis tradukon de la nova konvencio kaj ĝi aperos kiel speciala (duobla) numero de JUGOSLAVIA FERVOJISTO komence de aprilo ĉi-jare. Tradukinto estas mgro G. Sredić, prezidanto de JAFE, kaj recenzintoj estis G. Ritterspach, mgro N.G. Narvala kaj inĝ. L. Sekereŝ. Interesuloj pri tiu verko bonvolu sendi al JAFE **deĵoran** adreson kaj ni tuj liveros ĝin al ili. Pli detala recenzo aperos pli poste.

## INVITO AL LA JARKUNVENO DE GEFA

La Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) kore invitas siajn membrojn kaj ĉiujn eksterlandajn geamikojn de la Internacia Lingvo al sia 29a jarkunveno, kiu okazos de la 4a ĝis la 6a de Oktobro 1985 en la nordbavara urbo Lichtenfels ĉe la

supra Main-rivero. Lichtenfels estas elstara perlo en Frankonio kaj vaste konata kiel korburbo pro la tie praktikata metio de plektado. Super la rava kuliso de la mezepoka urbokerno leviĝas la kastelo el la 16a jarcento. En la barokstila urbodomo la urbestro akceptos la kongresanojn. Kunvenejo estos la gastejo "Bergschloss" (monta kastelo), en kiu disvolviĝos krom la laborkunsidoj ankaŭ la komunaj manĝoj kaj la festvespero kun sekva dancado kiel ankaŭ la dimanĉa matineo. La duontaga aŭtobusekskurso kondukos al la vidinda kastelo Banz kaj al la fama baziliko "14 sanktuloj". Ankaŭ vizito al la korbmuzeo estas antaŭvidita.

Interesuloj aliĝu eble plej baldaŭ per adreso de
s-ro Hans Müller, Zweigstr. 2,
D-8620 Lichtenfels (tlf +9571-5998).
La kunvenkotizo estas 12 gm (DM). Familianoj kaj junuloj pagas 10 gm. Eksterlandanoj pagos post la alveno.

W.B.

## NIAJ JARKONGRESOJ

**SEFA** (Svedio)
Sabate la 13an de aprilo 1985 je h 9a en la stacidomo de Malmö. Post la traktoj de seriozaĵoj, oni lunĉos en la pramo inter Malmö kaj Kopenhago. Informojn donas Evert Rausek, Södra Bulltoftavägen 56 B, S-21222 Malmö.

**DEFA** (Danio)
Dimanĉe la 31an de marto 1985 je h 14.00 en la stacidomo de Nyborg. Pro la streĉaj preparoj de la 37a IFEF-kongreso okazos nur la asociaj administraj traktoj. Informojn donas Henning Hauge, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

**FFEA** (Francio)
La printempa kunveno de FFEA okazos 12an-14an de aprilo 1985 en Nevers.
La ĝenerala kunveno de FFEA okazos aŭtune, nome lige al aranĝo en Saint-Savinien sur Charente la 23an-29an de septembro 1985.
Informojn donas FFEA, 1 bis, rue D'Athènes, F-75009 Paris.

## TURISMO

**Francio**
Ekde la feria tempo de la nuna jaro 1985a, gvidfolioj en Esperanto estos pruntedonataj, tutsame kiel en pluraj naciaj lingvoj, en tri vidindaj lokoj en Luar-Valo en Francujo:
- en la kastelo Amboise
- en la kastelo Langeais
- en la kastelo Tours (Muzeo Grévin de Furanĝio).

La esperantistoj vizitantaj tiujn lokojn estas invitataj nepre peti tiujn gvidilojn.
Pri tio la esperantistoj de Tours vin anticipe dankas.

## ESPLOROJ PRI LIBROJ KIUJ MENCIAS ESPERANTON

C. Nourmont kompilas liston de nacilingvaj libroj, en kiuj aperas mencio pri Esperanto (ĉefe romanoj k. s.). Bonvolu sendi detalojn: aŭtoro, titolo, eldonejo, eldondato, paĝo en la koncerna eldono. Se temas pri traduko, bonvolu mencii en kiu lingvo ĝi estis verkita. Se temas pri originalaĵo, prefere sendu fotokopion de la teksto.
Adreso, kiu kun danko oni ricevos tiujn informojn: S-ino C. Nourmont, 2 Om Kläppchen, L-5682 Dalheim, Luksemburgio.

## JUNULARA FONDUSO DE IFEF

ĉiam akceptas kontribuojn kaj proponojn pri subvencio al gejunoloj, kiuj deziras aktive partopreni Esperanto-aranĝon.

La kasisto

## POR PLUA EVOLUO DE LA EŬROPAJ FERVOJOJ

En Ĝenevo dum la tagoj 29a de oktobro ĝis 1a de novembro 1984 okazis sesio de laborgrupo de la Eŭropa Ekonomia Komisiono por fervoja trafiko. La traktadon partoprenis delegitoj el deknaŭ eŭropaj ŝtatoj je registara nivelo kaj el ses pliaj registaraj kaj aliaj organizoj havantaj rilaton al fervoja trafiko - inkluzive de la reprezentantoj OSĴD kaj UIC.

Komence de la sesio reprezentanto de UN akcentis la gravecon de la sesio de la fervoja grupo kaj ĝian signifon por estonta evoluo de la fervojoj en Eŭropo. Li aldonis, ke evoluo de la fervoja reto, ĝiaj plibonigoj, precipe elektrizado, efektiviĝas tre malrapide. Simile stagnas enkonduko de la aŭtomata kuplilo. Nek en fervoja transporto, nome en unuigo de la transportaj dokumentoj kaj koincido en transportaj kondiĉoj, plifaciligantaj laboron de la fervojistoj en la trafikprocedo, oni ĝis nun ne atingis kontentigajn rezultojn. Kiel pozitivan fenomenon en evoluo de la fervojoj akcentis reprezentanto de UN progresadon de TGV-trajnoj en Francio.

En la programo de la sesio estis sume 11 punktoj. La sesion prezidis reprezentanto de Hungario kaj vicprezidanto estis reprezentanto de Francio. En pritraktado de iuj punktoj oni atingis certan progreson en demandoj de la kombinita transporto fervojo-ŝoseo, en la dogona priservo, en statistikado kaj en la komerca politiko. La laboroj daŭros laŭ la programo ĝis la jaro 1989 kaj temos pri unuigo, rentabilitato, konsumo de energio po transporttuno kaj aliaj.

En sferoj tarifa kaj teknika oni atendas plibonigon de la transporto de handikapuloj. Iuj fervojoj komencis instruadon de la profesiaj laborantoj pri formoj kiel helpi al handikapuloj kaj maljunuloj dum transporto.

Speciala grupo finas la laborojn komencitajn antaŭ du jaroj pri evoluo de la eŭropa fervojreto. Por pritrakto oni prezentis detalvastan dokumenton el la 4a sesio de tiu grupo, okazinta en septembro 1984. En sia januara sesio komitato de la Eŭropa Ekonomia Komisiono pritraktis la formon, en kiu oni akceptos konkludojn de tiu ĉi speciala laborgrupo. Estis proponitaj du formoj: "Rekomendo" al unuopaj ŝtatoj - laŭ akceptitaj konkludoj disvolvi fervojreton en kunligo kun najbaroj, aŭ "Kontrakto de la interesitaj landoj pri evoluo de la eŭropaj ĉeffervojoj". En kontinueco kun disvolvo de la eŭropa reto konsilis reprezentantoj de iuj ŝtatoj okupiĝi per ekonomia dislokigo de la bazaj trajnokreaj stacioj en Eŭropo. Post vasta diskutado oni rekomendis atendi konkludojn respektive proponojn, kiujn proponos la sola en tiu ĉi sfero kompetenta organizaĵo, la Eŭropa Konferenco de Vartrajnaj Horaroj. Depost sia fondiĝo en 1924 en České Budějovice ĝi estas estrata de ČSD.

La somera tempo - ĝia enkonduko, ekonomia pritakso kaj disvastigado kun celo kunigi ĝian transiron - apartenas al la konstanta parto de agado de la fervoja laborgrupo. Oni akceptis rezolucion, postulanta akcepti la meztempan planon por enkonduko de la somera tempo por tri aŭ kvin jarojn. Oni samtempe postulis unuigi horon de la transiro, do el la al 2a horo kaj el 2a al la horo de la grenviĉa tempo, t.e. laŭ mezeŭropa tempo okazigi transiron el 2a al 3a horo kaj male, kiam trafikas sur la eŭropa fervojreto minimuma nombro de pasaĝertrajnoj.

Fine de la sesio la laborgrupo akceptis programon de sia agado ĝis jaro 1988. Ne temas pri la nova programo, pli ĝuste temas pri pli detalaj analizoj en iuj jam esplorataj sferoj, kiuj estas ekzemple: modernizado de la fervoja trafiko kun

transiro al pli efikaj teknikaj parametroj; esplorado de infrastrukturo de la fervoja trafiko; kunligo de la eŭropa fervoja reto al trafikaj sistemoj de la aliaj mondaj teritorioj; problemaro de transporto de varoj de unu trafiksistemo al alia trafiksistemo; unuigo de tipoj de la fervojaj vagonoj kaj lokomotivoj; disvolvo de la kombinitaj transportoj; sekureco de la fervoja trafiko; ŝparado de energio en pasaĝertrafiko; efiko de la fervoja trafiko al vivmedio k.t.p. Kiel nova punkto estos probable post konsento de la komitato de la Eŭropa Ekonomia Komisiono envicigita demando de ekonomia dislokigo de la bazaj trajnokreaj stacioj en Eŭropo.

Kompilis kaj esperantigis
Jindřich Tomíŝek

## FAMILIAJ ESPERANTO-KLUBOJ POR CENTJARIĜO DE ESPERANTO !

Por omaĝi la centjariĝon de la internacia lingvo, membroj de la familio Worsztynowicz fondis familian Esperanto-klubon. Gis la jubilea jaro 1987 ili intencas atingi nombron de 100 familianoj flue parolantaj Esperanton.

La familio Worsztynowicz kompilas detalan genealogion de sia gento. Gia gentopatro estis la muelisto Tomaso Orsztyn (Worsztyn), kiu en 1746 loksidiĝis en la urbo Gostyń, ĉ. 80 km sude de Poznań. Probable li venis el la okcidenta Eŭropo kaj lia origina nomo povis esti Ornstein aŭ Wornstein, sed jam en 1761 aldoniĝis al lia nomo la finaĵo "-owicz".

En la 19a jarcento la familia nomo estis ofte mise skribata kaj nuntempe diversaj branĉoj de tiu familio nomiĝas: Worsztynowicz, Bursztynowicz, Orsztynowicz, Ostynowicz - elparolataj Vorŝtinoviĉ, Burŝtinoviĉ, Orŝtinoviĉ, Ostinoviĉ. Ciuj personoj kun tiuj nomoj vivantaj ie ajn en la mondo estas idoj de la muelisto Tomaso. Se iu loĝas en via regiono, kontaktigu ilin kun la familio en Pollando. Sur genealogiaj tabeloj estas registritaj ankaŭ idoj en inaj linioj, tial multaj familianoj portas aliajn nomojn, tamen ĉiujn ligas deveno de la komuna gentopatro.

Ciujare multaj membroj de tiu gento partoprenas la Familian Feriadon "Esperanto hejme" en Miedzygorze (en 1983 - 25 personoj, en 1984 - 40 personoj) kaj jam pli ol 50 familianoj konas aŭ lernas la internacian lingvon.

Nuntempe vivas ĉ. 4000 posteuloj de Tomaso apartenantaj al la sesa ĝis deka generacioj. Ili loĝas ĉefe en Pollando, sed ankaŭ en multaj aliaj landoj: Aŭstralio, Britio, Francio, FRG, GDR, Kanado, Usono k.a. Personoj, kies antaŭuloj ĉ. 1900 elmigris el Pollando, plejparte ne konas la polan lingvon.

Cu ie en la mondo ekzistas familioj, kiuj kompilas siajn genealogiojn kaj intencas fondi familiajn Esperanto-klubojn? La familio Worsztynowicz volonte renkontiĝos en Miedzygórze kun ili. Adreso: Familio Worsztynowicz, P.O. Kesto 311, PL 50-950 Wroclaw 2, Pollando.



## NEKROLOGOJ

Kun malĝojo ni devas sciigi ke je la 1a de februaro forpasis nia fidela kolego kaj amiko **Kommer van der Schulp** en Dordrecht.

Li estis 83 jaraĝa. Ek de la fondiĝo de FERN li membriĝis kaj estis aktiva kunlaboranto. Kun la edzino li vizitis multajn internaciajn kongresojn, kaj en 1968 en la IFEF-kongreso en Varna li proponis ŝanĝi la sistemon de kunvenado, tiel ke ankaŭ ordinaraj IFEF-anoj povas partopreni la kunsidojn. El tio rezultas la nunaj publika kaj nepublika kunsidoj. Ni longe rememorigos liajn meritojn por nia movado kaj kondolencas la edzinon pro tiu perdo.

IFEF



La 29an de aŭgusto forpasis pro infarkto veterano de bulgara kaj de fervojista Esperanto-movado **Stajko Aleksandrov Pisarov** naskita en 1905.

Jam kiel lernanto en la Fervoja Lernejo en Sofio dum 1922 li kun grupo de samlernantoj komencis lerni Esperanton.

Dum sia tuta vivo Stajko Pisarov aktive, abnegacie kaj meminiciate laboris por Esperanto, ĉiam kontaktis kun esperantistoj kaj esperantigis multajn siajn kolegojn. Li fondis la unuan fervojistan esperantistan societon en Varna, organizis grupon, kiu deĵore helpis eksterlandajn kaj landajn esperantistojn traveturantajn la stacidomon.

En 1929 Pisarov verkis la unuan lernolibron de Esperanto, komformigita por fervojistoj, presata en la gazeto "Ĵelezniĉarska borba" (Fervojista batalo).

Li partoprenis plurajn kongresojn de BEA kaj IFEF.

Per la morto de Stajko Pisarov la bulgara E-movado perdas aktivan sindonan aktivulon.

IFEF

## ESPERANTO-ARANĜOJ

**Renkontiĝo en Tjörnorp, Svedio.**

Tempo: 26/4 vespere - 1/5 vespere 1985.

Programo: Studvizitoj en sociaj "hejmoj", turismaj vizitoj, amika kunestado.

Kosto: Por partoprenontoj el okcidentaj landoj 750 svedaj kronoj inkluzivas tranoktadon en lignaj dometoj, manĝon kaj programon.

Adreso por aliĝi: Kerstin Rohdin, Ålsta, S-690 72 Sköllersta, Svedio. Pagu samtempe al bankĝiro 414-2261 Monda Turismo, Ann-Christine Krondahl, Tollarp, Svedio. (Indiku sekson por la loĝado).

La nombro estas limigita al 60 personoj.

**58a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT)** okazos de la 27a de julio ĝis la 3a de aŭgusto 1985 en Amersfoort (Nederlando). Informoj ĉe la kongresa sekretario: Antje Noordwier, Kon. Emmalaan 7, NL-3832 AH Leusden.

**11a Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado** okazos 27a de julio - 2a de aŭgusto 1985 en la franca urbo Metz. Konstanta adreso: M. de Zilah, 39 rue Joseph Hénot, F-57070 METZ.

Kadre de tiu aranĝo okazos la 1a Forumo de la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj.

**70a Universala Kongreso de Esperanto** okazos de la 3a ĝis la 10a de aŭgusto 1985 en Augsburg (FR Germanio). Informoj ĉe LKK de la 70a UK, Seitzstr. 14, D-8900 Augsburg.

Postkongresa feriosemajno en la nordbavara urbo Kronach (11a-18a de aŭgusto).






Jen la Transsiberia Fervojo - plej longa de la mondo per siaj pli ol 9000 km - preterpasas la punkton 6575 km oriente de Moskvo.

## ATENTU, KONGRESANOJ EN UK AUGSBURG!

La IFEF-kontaktkunveno por ĉiuj en la kongreso partoprenontaj fervojistoj kaj ties familianoj okazos ĵaŭdon, la 8an de Aŭgusto antaŭtagmeze. En la posta programo estas antaŭvidita komuna veturado al Nürnberg kun vizito de la tiea trafikmuzeo. Detalajn informojn bv. legi en la venonta numero de Internacia Fervojisto.

GEFA

## ENHAVO



Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved